# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTO-LIGO 1/2007




*Legu pri:*

- *someraj skoltaj tendaroj kun Esperanto*
- *enmanigo de la Medalo de Toleremo*
- *raporto pri UK kaj Roverway en Italio*
- *agado de rumanaj skoltoj*
- *enkondukado de Esperanto al polaj skoltoj*
- *skolta Esperanto-grupo en Kolombio*

# La Skolta Mondo

**Oficiala organo de Skolta Esperanto-Ligo N-ro 1/2007**

The magazine of the Scout Esperanto League
Gezette de la Ligue Scoute Espéranto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas

**ttt.esperanto.org/skolta**
**sel@scoutnet.org**
ISSN 0031-6558


## Skolta Esperanto-Ligo:


**Prezidanto**
Carola Antskog,
poŝta adreso apude,
NR de Finnlando,
cantskog@kolumbus.fi
**Ĝenerala Sekretario**
Guido Ricci,
poŝta adreso apude
NR de Italio
ulivo.diritto@gmail.com
**Kasisto**
Allan Fineberg, Usono,
allan.fineberg@gmail.com
**Redaktoro**
Kinga Nemere-Czachowska,
ul. Moniuszki 33/4,
87-100 Toruń, Pollando,
sel-redaktoro@scoutnet.org
**Retisto**
Volker Schlüter, Germanio,
eo@pfadfinder-wilhelmshaven.de


# NACIAJ REPREZENTANTOJ DE SEL

**Argentino:** Marcelo Daniel Lucero, Buenos Aires, skoltaj@yahoo.com.ar, **Belgio:** Stein Hautekees, stein@sel-belgio.be, **Brazilo:** Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo 120/14, 18048-105 - Sorocaba (SP), **Bulgario:** Ĥristo Mandev, bul. Mogílev 2 II 19, Gabrovo 5306, **Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curicò, mochila@terra.cl, **Danio:** Bjarke Nielsen, Erdalsvej 30, 2600 Glostrup, **Finnlando:** Carola Antskog Brokärrvägen 89, FI-25700 Kimito, tel +358-2-423146, portebla +358-50-5817272, cantskog@kolumbus.fi, **Francio:** Samuel Gaillard, 5 rue Maurice Ravel, 63 800 Cournon d'Auvergne, goelano@infonie.fr, **Hindio:** A.S.Venkatesh Reddy espero, No 216, off Main Road, Whitefield, Bengalore–66, Karnataka, tel. 9945057668, esperovr@yahoo.co.in, **Hispanio:** Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, luis@riskoes.com, **Hungario:** Záhonyi Lajos (Lala), Budapest, Szõnyi István u. 38. 104, lajos.zahonyi@nsh.hu, portebla tel. + 363028 30098, **Italio:** kiel peranto: Guido Ricci, av Des Muguets 39, 1950 Kraainem, Belgio, **Japanio:** Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, BXL00154@nifty.com, **Kazaĥio:** Vera Matvejeva, Komsomolskij 40-168, Rudnij 111500, verapm@mail.ru, **Kolombio:** Jorge Aurelio Díaz, Calle 138 n. 7c-81/303, Bogotà, tel. +5712166254, jadiaz9@cable.net.co, **Koreio Resp.:** Lee Seung Yun, Hwigyong-1 Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092) Seoul, **Kostariko:** Marvin Segura, Aptdo 1913, San Jose, **Luksemburgio:** vidu Italio, **Nederlando:** J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam, ko.hammer@planet.nl, **Nov-Zelando:** Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, gwenda.s@ihug.co.nz, **Senegalo:** Emmanuel Djikoune, village de Sengalène, Departement d'Oussouye, Région de Ziguinchor, portebla tel. +22 1571 1570, **Slovakio:** Miroslav Havranek, P.O.Box 161, 83100 Bratislava, **Svedio:** vidu Finnlando, **Usono:** Allan Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey, finebergfamily@ gmail.com

## Hungario SKOLTA TENDARO

Inter 16 kaj 23 de julio 2006 en Hungario okazis la unua - post 60 jaroj - skolta Esperanto - tendaro. Apud rivereto Tur (orienta Hungario), ĉe la vilaĝo Turistvandi tendumis 14 personoj, kuj antaŭtagmeze partoprenis E-kurson. La tendaro sukcesis dank' al la kunlaboro de Asocio de Hungaraj Skoltinoj kaj Skoltoj, Hungara Esperanto Junularo (HEJ) kaj Nacia Reprezentanto de SEL. *Zahonyi Lajos*





## VENU AL POLLANDO!

Inter 15 kaj 22 de julio 2007 en Pollando en la skolta bazo Doktorce apud la urbo Białystok (naskiĝloko de Ludoviko Zamenhof) en orienta Pollando okazos la internacia skolta tendaro kun kurso de Esperanto. En la programo de la tendaro troviĝas ankaŭ du ekskursoj al vere unikaj en Eŭropo lokoj:
1) al urbeto Białowieża por rigardi urojn,



2) laŭ la belega rivero Narew (per kajakoj), kiu famas en la tuta Eŭropo.

Oficialaj lingvoj de la tendaro estos pola kaj Esperanto. La tendaron organizas Pola Skolta Asocio (ZHP, Komenda Chorągwi w Białymstoku) kaj Fondaĵo Zamenhof el Bjalistoko.

Pri la detaloj legu en ttt.esperanto.org/skolta/

## Italio

# Enmanigo de la Medalo de Toleremo

**Malmultaj homoj ne konas la geskoltan movadon, fonditan en 1907 de Robert Baden-Powell, kaj havantan dekojn da milionoj da membroj en la tuta mondo. La esperantistoj verŝajne rimarkis, ke ilia movado havas vastan komunan kampon kun la skoltismo, kiu ankaŭ strebas al la forigo de internaciaj bariloj kaj al tutmonda solidareco.**

WOSM kaj WAGGGS estas la mondaj organizoj de la skolta kaj de la skoltina movadoj. Inter multaj internaciaj renkontiĝoj, ili okazigas ĉiun kvaran jaron tuteŭropan tendaron por geroveroj. Rovero estas pliaĝa skolto (ĉirkaŭ 16-21-jara). Tiu tendaro nomiĝas Roverway kaj okazis en jaro 2006 en Italio, nur kelkajn tagojn post la Universala Kongreso de Esperanto.

La tendaro verdire konsistis el 100 vagantaj tendaroj de la 6-a ĝis la 11-a de aŭgusto 2006, kaj unu fiksa tendaro de la 11-a ĝis la 14-a. La vagantaj tendaroj okazis en tuta Italio. La fiksa okazis en Loppiano apud Florenco. Ĝin partoprenis 5000 geskoltoj.

Dum la fiksa tendaro, oni aranĝis pli ol 100 "metiejoj", kie la geroveroj povis diskuti kaj lerni pri diversaj temoj kaj teknikoj. SEL organizis tie metiejon pri Esperanto, gvidatan de Venkatesh Reddy (Hindio) kaj Francesco Maurelli (Italio). La metiejo pri Esperanto okazis kvar fojojn kaj ĉiun fojon partoprenis ĉirkaŭ 30 geroveroj. La partoprenintoj ricevis kaj uzis la lernolibron „Ĵamborea Lingvo”. Per rekta instrumetodo ili lernis la fundamentojn de Esperanto kaj post la metiejo ili scipovis konstrui simplajn frazojn en la internacia lingvo.

Esperanto estis diskonigita ne nur al cento da geroveroj, sed ankaŭ al la stabo de la skolta movado.



*A. Lowenstein, R. Corsetti, G. Ricci (parolas), E. Missoni kaj la tendara respondeculo en Loppiano*



*R. Corsetti (meze), A. Lowenstein kaj E. Missoni dum la ceremonio de enmanigo de la Medalo*

Kiel anoncite far s-ro Zamenhof Zaleski dum la malfermo de la UK en Florenco, la Fondumo Zamenhof aljuĝis la Medalon de Toleremo al la Skolta Movado, kaj la enmaniga ceremonio okazis ĝuste dum la Roverway.

La 12-an de aŭgusto venis al la tendaro la prezidanto de UEA Renato Corsetti kaj lia edzino Anna Lowenstein. Krom partopreni unu el la metiejoj pri Esperanto por la geroveroj, ili enmanigis la medalon de toleremo de la Fondumo Zamenhof al Eduardo Missoni, ĝenerala sekretario de WOSM.

La ceremonio okazis en salono en konstruaĵo meze de la tendaro. Ĉeestis la estroj de la naciaj taĉmentoj kiuj partoprenis Roverway, aliaj skoltaj gravuloj kaj iom da geroveroj. Renato Corsetti paroladis en Esperanto kaj la ĉeestantoj miris ke ili komprenis grandan parton de liaj vortoj. Anna Lowenstein tradukadis la paroladon anglen.

En sia parolado, Renato Corsetti substrekis la samecon de la idealoj de la esperantista movado kaj de la skolta movado. En sia dankparolado Eduardo Missoni substrekis, ke li akceptis la medalon nome de la gekolta movado, kaj ne nur de la virskolta organizo. Li ankaŭ menciis, ke Baden-Powell favoris Esperanton, sed bedaŭrinde li ne estis komprenata en sia tempo.

Eduardo Missoni aldonis, ke li havas revon: ke en iu venonta Ĵamboreo (la tutmonda skolta renkontiĝo) ĉiuj geskoltoj povu interkompeniĝi pere de Esperanto.

Konklude, Eduardo Missoni kaj Renato Corsetti substrekis la rolon de la Skolta Esperanto-Ligo kiel ponto inter la du movadoj, kaj fine la Ĝenerala Sekretario de SEL donacis al Eduardo Missoni du insignojn de SEL.

Post la ceremonio okazis formala akcepto kun manĝaĵoj kaj trinkaĵoj.

*Guido Ricci*
*Ĝenerala Sekretario de SEL*

## Hinda skoltestro en la UK kaj Roverway en Italio

# Neforgesebla sperto

Kune kun mia edzino Suman Venki mi partoprenis la ĉijaran Universalan Kongreson de Esperanto en Florenco, Italio. Tio estis por mi vere interesa sperto – neniam antaŭe mi renkontis tiom da esperantistoj el diversaj landoj en unu loko.

La unuan tagon mi estis iom surprizita pri la aferoj en Italio, ĉar unuafoje mi vojaĝis al Eŭropo. Tamen tio ne estis tre grava, ĉar ni devas alĝustigi niajn vivmanierojn.

Ni renkontis esperantistojn el multaj landoj kaj ni interŝanĝis niajn ideojn kiel daŭrigi disvastigadon de Esperanto kaj ekkonis manierojn praktikatajn en diversaj landoj.

Surprize por mi ĉiuj parolis pri la disvastigado en Hindio. Mi diris al ili, ke tion ebligis ĉefe eksterlandanoj. Sen ilia helpo vere estus malfacile. Do, mi sciis jam, ke mi daŭre devas disvastigi Esperanton.

Ni partoprenis multajn seminariojn, programojn pri muziko, instruado, interkonsentado kaj aliaj – ĉiuj gravaj, ĉar donis al ni pli da ideoj por pli bone disvastigi Esperanton ĉe ni.

Mi iris la libroservo kaj trafoliumis kelkajn librojn, legis iomete kaj miris, ke tiom da libroj el multaj landoj oni skribis en Esperanto. Havi tian libroservon ĉe ni? – mi pensis.

Dum ferma kaj malferma tagoj mi povis renkonti kaj paroli kun kelkaj gravaj personoj en Esperanto-movado. Pri la disvastigado de Esperanto en Hindio mi povis interparoli kun la ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller, kun la prezidanto Renato Corsetti kaj aliaj gravuloj.

Ili donis al mi kuraĝon pensi, ke miaj klopodoj estas vere etaj, kaj ke mi devas daŭrigi mian laboron por Esperanto en Hindio.

Tamen la plej grava estis por mi la kunsido de Skolta Esperanto-Ligo. Ni diskutis pri la disvastigado de la lingvo inter geskoltoj en lernejoj. Estis la prezidanto de SEL Carola Antskog, la ĝenerala sekretario de SEL Guido Ricci, la juna skoltestro el Italio Francesco Maurelli kaj kelkaj aliaj. Ni priparolis interalie la partoprenon de SEL en la Monda Ĵamboreo en Britio.

Poste venis kvintaga Roverway, la Ĵamboreo por junaj roveroj el tuteŭropaj landoj. Ĝi estis vere interesa renkontiĝo, kiun partoprenis miloj da junaj roveroj. SEL aranĝis al mi eblecon disvastigi Esperanton inter ili. Mi havis E-budon. Multaj roveroj interesiĝis pri la lingvo, volis lerni ĝin, do ni aranĝis kursojn por ili.

La aranĝon ĉeestis Renato Corsetti kaj lia edzino Anna Lowenstein. La ĝenerala sekretario de WOSM – Eduardo Missoni diris, ke estus bone daŭrigi la kurson en skolta movado. Kaj fine la prezidanto de UEA enmanigis al Eduardo Missoni la Medalon por Toleremo, kiun la Fondaĵo Zamenhof aljuĝis al Monda Skolta Organizo.

Dum nia restado en Italio ni vizitis vere mirindajn vidindaĵojn: la preĝejojn, vatikanan bazilikon, ni travivis gravajn renkontiĝojn, vojaĝojn, piedmarŝojn kun geroveroj, tranoktadon en vilaĝoj, hejmoj, tendoj. Ni neniam forgesos tian sperton! Ni havas ĝin en niaj koroj.

Nia revo realiĝis. Jes, sed restas tre grava afero: la disvastigado. Mi volas havi helpon, daŭran kuraĝadon de multaj esperantistoj. Mi promesas daŭrigi la laboron por nia celo kaj la revo de Zamenhof – havi pacon en nia Planedo.

*Venkatesh Reddy.*
*Whitefield, Bangaloro, Hindio*







**Fotoj**

**supre:** Venkatesh Reddy dum la metiejo pri Esperanto,
**meze:** Skoltoj, kiuj interesiĝis pri Esperanto kun Renato Corsetti, Anna Lowenstein kaj Venki,
**sube:** Guido Ricci kaj Eduardo Missoni.

Rumanio

# MALNOVAJ TRACEOJ

La oficiala agado de la skolta grupeto „Edelvejso” komenciĝis en januaro 2006. La grupo eliĝis el la kultur-turisma parto de nia 18-jara E-rondo de la Bukovina montaro en norda Rumanio. La celoj estas: rimarkigi la embarasigajn vivkondiĉojn de huculetnaj vilaĝoj kaj pli profunde ekkoni historion, kutimojn, tradician sperton de lokaj komunumoj. La plej atentokaptaj iniciatoj koncernas la mitologion de huculoj.

„Edelvejso” decidis fari la ekskursan planon „Laŭ la malnovaj traceoj” por restarigi la forgesitajn vojojn, studi flaŭron, vivkondiĉojn de homoj kaj bestoj en la regiono, kie vivas la forgesita malgranda popolo: huculoj, parolantaj la slavan lingvon, devenantaj de Nordaj Karpatoj, el komunumoj Daca kaj Gota.

Nia unua studekskurso celis revekigi 25-kilometran „La Uran Vojon”. La dua vojo estas „La Tatara Vojo” kaj la tria „La Arĝenta Vojo”. Miaj geskoltoj altiros atenton de lokaj aŭtoritatoj pri la turisma graveco de la mezepokaj vojoj enkadre de la nuntempa turismo.

La celo de mia agado estas allogi gejunulojn al tradiciaj loĝlokoj. Unue, al la banloka urbo Vatra-Dorna, kie venontjare aŭguste okazos la internacia staĝo por instruistoj, inkluzive ILEI-ekzamenoj, kaj la centjariĝo de la Rumana Esperanto-Asocio. Dek du geskoltoj agos tie kiel deĵorantoj. La okulfrapa trajto de la skolta patrolo „Edelvejso” estos tradiciaj aĵoj: la toporeto „bartka”, aŭ „walaska” anstataŭ la montgrimpa pioĉo, la ligna hajduka boteleto anstataŭ skolta botelo. Inter skoltaj ekzercoj estas planata ekbruligado de fajro helpe de la fajro-fungo!

### La Ura Vojo

Ĉi-jare, en junio, nia skolta grupo ekmarŝis laŭ „La Ura Vojo”. En Bukovino la lasta uro pereis antaŭ ducent jaroj. Ni trapasis 25 kilometrojn tra arbaroj, laŭ riveretoj, sur montkrestoj. Estis la 24-a de junio, la tago taŭga por kolektado de kuracherboj. Ni direktis nin al la loko kun flaŭro, trovata nur en tri lokoj en nia provinco. Tie-ĉi kreskas speco de akonito. Ni ankaŭ rigardis al la akvofaletoj, akvoturniĝoj kiel rimedo por trankviliĝo, ni grimpis sur la rokoj kaj la plej altaj montpintoj: Luĉina (1588 m) kaj Zubraŭ (1551 m). Ili ambaŭ estas sendube la plej serĉataj elvidejoj. La unuan kovras flava kaj verda vegetaĵtavolo. Irante de Luĉina al la najbara monto, nin envolvis aiko – minaca nebulo. Ni devis trairi spacon, garditan de la hundo de surloka ŝafejo. Ankaŭ pluvo ne indulgis nin. Finfine, sur la celita alvenloko ni havis okazon partopreni la ĉiu-

tagan vivon de montaranoj: kolekti brutaron en la ĉirkaŭbarilo, melki bovinojn, suĉigi bovidojn, rajdi, levi nin ĉe trogo.

La postan tagon, post la disŝiriĝo de la nebulo ni iris al la rokoj de Zubraŭ. En la hucula lingvo Zubraŭ signifas: „urejo", „kunvenejo de uroj". De ĉi-tiu loko la parenco de bizono admiris la ebenaĵon Salaŝ (en la rumana kaj hungara lingvoj: homejo) de la vilaĝo Brodine, en kiu loĝas miaj skoltinoj. De sur ĉi-ronda montverto uroj, verŝajne kiel ni, rigardis dum somero la neĝblankajn montojn de la okcidenta foro.

*Nicolae Macovei*

**KORESPONDI DEZIRAS**

*Mi estas hungara instruistino en miŝkolca bazlernejo, kiu instruas ankaŭ Esperanton en kvara klaso. En tiu ĉi lernojaro mi havas 23 entuziasmajn gelernantojn, kiuj ŝatus korespondi kun samaĝuloj el aliaj landoj (ili estas 10-jaraj).*
*Ilona Fedor*
*ilonaf@freemail.hu*

Hindio

# E-kurso por skoltoj



Ekde la 4-a de novembro ĝis la 14-a de decembro 2006 Espero Venki, la esperantisto el Bangaloro, Hindio, organizis kurson de Esperanto por rover-estroj en Kondajji Basappa Scout Camp en Davangere, tre fama skolta centro en Karnataka Ŝtato. La kurson partoprenis dek kvar personoj, kiuj agados en lernejoj, disvastigante Esperanton en la skolta movado. Dum 10 tagoj la organizanto instruis la lingvon kaj informis kursanojn pri la Esperanto-movado, ĝia ligo kun skolta movado kaj ankaŭ pri la intenco de Baden-Powell rilate Esperanton.

*(red)*



Pollando

# SALTO AL PROFUNDA AKVO

Ĉiumonate en distrikta skoltejo en Brzeg, malgranda urbo en Pollando, inter Opole kaj Vroclavo, okazas laboraj kunvenoj de patrolestroj, kiuj agas en ZHP (Pola Skolta Asocio). La 19-an de oktobro 2006 la kunveno iom malsamis, ĉar la tuta skolta estraro de Brzeg aŭskultis pri Esperanto kaj pri iniciato enkonduki ĝin en ilia patrola agado.

Ni prefere revenu al komenco. Antaŭ kvar monatoj, kiel unusola esperantisto en Brzeg, mi organizis E-informbudon okaze de lerneja festeno kaj mi rimarkis ke neniu preskaŭ scias pri Esperanto. Tiam mi decidis montri ekziston de la internacia lingvo al la loĝantoj de Brzeg, Pendante afiŝojn mi povis apenaŭ montri Esperantan signon kaj nomon. Disdonante flugfoliojn sur stratoj mi agus kvazaŭ trompulo. Tiuj agoj povis nur malhelpi al mia tasko. Ĉar plenkreskuloj estas tro okupitaj por io ajn krom monakiro, en mia kapo venis ideo montri ekziston de la lingvo al gejunuloj. Mi rekonis tri taŭgajn grupojn: lernejanojn, anojn de religiaj organizaĵoj kaj skoltojn. Kun la unuaj mi havas malfacilan kontakton, ĉar laborante ĝis 15-a horo en alia urbo, mi ne povas viziti ilin dum la lernohoroj. La duan grupon mi taksis tro nekomprenebla por mi. Mi simple ne sciis kiel allogi Esperanton al la grupo.

Tial la tria grupo – skoltoj – aspektis la plej taŭga. La idealoj de skolta movado tre similas al la ideo de Esperanto kaj ekzistas bone funkciantaj grupoj kun kiuj mi povus kontakti posttagmeze.

Mi kontaktis unu el patrolestroj kaj aranĝis rendevuon dum kiu ni rakontis pri la afero. Lia akcepto estis bona – la estro trovis Esperanton interesa kaj taŭga por skolta mova-do. Kune ni rekonis montri la ideon enkonduki Esperanton en skoltismo al aliaj patrolestroj. Bedaŭrinde, pro manko de lia tempo, mi ne sukcesis progresi.

Tiel, post longa atentado kaj vana korespondado kun la patrolestro, mi telefonis distriktan skoltan estron demandante, ĉu dum iliaj laboraj kunvenoj, mi povus rakonti pri Esperanto al la skolta estraro. Kvankam iom nevole, li konsentis. La dato estis fora, tial mi havis iom da tempo por prepari prelegon.

Oni povas opinii, ke anstataŭ dormi aŭ rendevui kun patrolestro, mi tuj kontaktu kun la estraro. Eble oni pravus, sed jam plurfoje okazis, ke ne meritas montri iniciaton al tro altrangaj aŭtoritatoj, ĉar la afero fiaskas.

Mi volis fari malgrandan paŭzon, ne saltegon (eble en tro profunda akvo), kaj mi faris esploradon de la ligoj in-

ter la skoltismo kaj esperantismo. Tiel mi trovis multajn novajn ideojn Esperantajn taŭgajn por skoltismo kaj trovis Skoltan Esperanto-Ligon. Ĉar mankis pollingva informilo, tial mi ankaŭ tradukis la SEL informilojn (profite ankaŭ al SEL).

Ju pli profunde mi esploris la temon, des pli la proponoj mi trovadis kaj fine mi estis preta por la prelego. Ĉar la estroj mem priskribis sin tro okupitaj por iu ajn kroma agado, kun ne tro fervora spirito, mi faris kvinminutan, telegrafe mallongan parolon. Se mi sukcesus interesigi iun dum kvin minutoj, mi povus ja respondi al eblaj demandoj.

La akcepto estis eĉ pli favora ol mi antaŭvidis – estis konkretaj demandoj pri ebleco komenci lecionojn de la lingvo, kiom da skoltoj povus ilin partopreni kaj kiom aĝaj ili povas esti. Skoltoj jam deklaris, ke lecionoj povus okazi en la distrikta skoltejo kaj eblus uzi kopiilon.Dum la renkontiĝo mi montris la "Skoltan kaj tenduma termnaron" kaj la "Ĵamborean lingovn" kaj donacis la esperantlingvan insignon de venontjara Monda Ĵamboreo en Britio. Ili estis la plej bonaj pruvoj de viveco de Esperanto en skolta movado.

La skolta estraro deklaris, ke la informo pri eblaj kursoj de Esperanto estos disvastigita inter geskoltoj kaj ĝis fino de oktobro kolektos eblajn partoprenontojn. Ĉiuj estranoj havas ankaŭ eblecon legi jam tradukitan SEL-TTT-paĝaron.

Malgraŭ longa tempo kiun mi atendis, nenio okazis. Mi vizitis la distrikestron por priparoli ĉu kaj kiel mi povus pli kunlabori. Ni konsentis, ke, ĉar ĉiu patrolestro estas sendependa, ni revenu al la ideo de interpersona kontakto kun ĉiu patrolestro kaj proparolu la eventualan kunlaboron kun ĉiu aparte.

Ĉar la informtabulo de la skolta distrikto estas iom neglektata, mi ricevis permeson pendigi tien informojn. La tabulo situas en la centro de la urbo, do indas prepari allogan afiŝon pri Esperanto kaj skoltismo.



*Sebastian Cyprych*

Januare mi parolis kun la trupestro en alia urbeto – Lewin Brzeski. Li taksas Esperanton alte, ĉar li aŭdis pri internacia korespondado farata pere de tiu ĉi lingvo, sed pli junaj patrolestroj kaj trupestroj taksas ĝin morta kaj nebezonata, pro tio ili ne volas iun ajn renkontiĝon. Tamen mi konvinkis lin, ke li organizu eĉ 30-minutan renkontiĝon, dum kiu mi montrus al skeptikuloj, ke ili eraras.

*Sebastian Cyprych*

**Kolombio**

# POST UNU JARO

Dum la pasinta XII-a Kolombia Esperanto-Kongreso (4–6 de novembro 2006) mi havis la okazon prezenti la novan skoltan grupon "Esperanto", kiun kvin esperantistoj starigas ekde la pasinta jaro en Bogoto, la ĉefurbo de Kolombio.

Pasintjare, okaze de la XI-a Kongreso, la nuna Sekretario de SEL – Guido Ricci, interparolis kun kolombiaj esperantistoj por pripensi la eblon starigi Skoltan Grupon en tre malriĉa bogota kvartalo. Kamilo Botero, skolta plenaĝulo, posedas bieneton aŭ terpecon en tiu kvartalo, kaj li volis oferi ĝin kiel kunvenejon por la skolta grupo. Nia skolta grupo konsistas el tri sekcioj: la svarmo, por la geknaboj ekde la 7 ĝis la 10 jaro, kaj la trupo, por geknaboj ekde la 11 ĝis la 15 jaro, kies nomoj estas respektive gelupidtoj kaj geskoltoj. Nohora Gaitán estas la trupestrino, kaj Héctor Castaneda la svarmestro, Humberto Mayorquin helpas ĉu la trupon, ĉu la svarmon. Mi estas la grupestro. Ni ĉiuj estas lernantaj esperantistoj, kaj ankaŭ la geknaboj lernas Esperanton. Ili salutas, prezentiĝas, preĝas kaj esprimas la skoltan promeson en Esperanto. Ni uzas por tio la libreton "Skolta kaj Tenduma Terminaro" de Ko Hammer. Estas jam en diversaj landoj multaj skoltoj esperantistaj, sed, laŭ nia scio, nur nia skolta grupo uzas Esperanton kiel oficialan lingvon de la grupo. Komence, en la grupo estas nur dek geskoltoj kaj dek gelupetoj, sed ni esperas ke, iam post iam, la geknaboj el la kvartalo, koniĝontaj la ludojn kaj la diversajn agojn de la grupo, sentos sin altiritaj. Temas pri geknaboj tre malriĉaj, kiuj havas tro malmultajn eblojn eliri el sia situacio, kaj multajn fali en la drogkonsumon. Nia celo estas oferi al ili veran okazon, uzi fruktodone sian libertempon.

*Jorge Aurelio Díaz,*
*jadiaz9@cable.net.co*

**FORPASIS FORPASIS FORPASIS FORPASIS FORPASIS**

**11-an de septembro 2006 –** William Auld, la plej elstara Esperanto-verkisto, kandidatigita por la literatura Nobel-premio. Li ekkonis Esperanton dank al skoltismo en 1937, kiel 13-jara skolto, li legis skoltan regularon en Esperanto kaj tiamaniere eksciis pri la ekzisto de tiu lingvo. Lia ĉefverko estas la poeziaĵo "La infana raso" (1956), kiu estas ĝenerale konsiderata la pinta atingo de la Esperanta literaturo. Profesie li estis vicestro de liceo en la skota urbeto Dolaro (Britio).



**31-an de oktobro 2006 –** David Withey, 85-jara esperantisto el Liverpool (Britio), preskaŭ tutviva skolto, kiu dum multaj jaroj prizorgis financajn aferojn de SEL. Oni menciis lian grandan intereson pri Esperanto, kiun li instruis al multaj personoj, ankaŭ skoltoj. Dum la Dua Mondmilito li estis aviadisto, poste li laboris inter alie kiel ŝtata oficisto (doganisto).

